„Mutig vorwärts!“

# Aŭstria Esperantisto

„Kuraĝe antaŭen!“

(Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Delegitaro kaj Esperanto-Delegitaro de Wien.

4ª jaro. No. 4 Monata Aprilo 1927

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg ĉe Wien, Postfach.

Konto ĉe poŝtŝparkaso aŭstria n-ro D-123.826.

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ. S 4.30, germanlandanoj RM 3.—, alilandanoj sv. fr. 4.—; ponumere: por enlandanoj 40 aŭ. g., eksterl. 50 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

## Je memoro al d-ro Zamenhof.

Antaŭ dek jaroj, la 14. de aprilo 1917, meze en la granda luktado inter la popoloj, mortis en Varsovio la okulkuracisto por malriĉuloj d-ro L. L. Zamenhof, la elpensinto de la mondhelplingvo Esperanto.

Certe estis tragedia sorto, ke li, nia majstro, kiu estis kreinta sian dumvivan verkon, por servi per tiu al la paca alproksimiĝo kaj interfratiĝo de la popoloj, ne plu povis ĝisvivi la finon de la terura milito kaj la sekvintan alproksimiĝon de la iam malamikaj popoloj.

Por daŭra memoro al la kreinto de Esperanto en la pasinta jaro sur lia tombo en Varsovio estis starigata monumento de la esperantistaro ĉiulanda; okaze de la nunjara 19. Universala Esperanto-Kongreso en Danzig ĝi ricevos sian internacian konsekron.

La nuna granda disvastiĝo kaj multflanka uzado de Esperanto en la lernejo, en komerco kaj trafiko, ĉe kongresoj diversfakaj, en Radio, en telegrafado, sur la fervojo, ĉe la foiroj ktp. sufiĉe pruvis la necesecon de ĉi tiu helplingvo.

La esperantistaro tutmonda plej bone honoros la memoron al ĝia majstro per persista sekvo de la vojo montrita de li, igi en la senco de l' interfratiĝo de la popoloj Esperanto-n mondtrafiklingvo, la dua lingvo apud la gepatra por ĉiu en la mondo.

## Zum Gedächtnis an Dr. Zamenhof.

Vor 10 Jahren, am 14. April 1917, inmitten des großen Völkerringens starb in Warschau der Armenaugenarzt Dr. L. L. Zamenhof, der Erdenker der Welthilfssprache Esperanto.

Es war gewiß eine tragische Schicksalsfügung, daß er, unser Meister, der sein Lebenswerk geschaffen hatte, um damit der friedlichen Annäherung und Verbrüderung der Völker zu dienen, das Ende des entsetzlichen Krieges und die nachfolgende Annäherung der einst feindlichen Völker nicht mehr erleben durfte.

Zur dauernden Erinnerung an den Schöpfer des Esperanto war im verflossenen Jahre auf seinem Grabe in Warschau von der Esperantistenschaft aller Länder ein Denkmal errichtet worden; anläßlich des diesjähr. 19. Esp.-Weltkongresses in Danzig wird es seine internationale Weihe erhalten.

Die nunmehrige große Verbreitung und vielseitige Verwendung des Esperanto in der Schule, in Handel und Verkehr, bei Kongressen verschiedenster Art, im Radio, im Telegrammverkehr, auf der Eisenbahn, bei den Messen usw. haben den Beweis der Notwendigkeit dieser Hilfssprache zur Genüge erbracht.

Die Esperantistenschaft der ganzen Welt wird das Andenken an ihren Meister am besten in Ehren halten durch beharrliche Verfolgung des von ihm gewiesenen Weges, Esperanto im Sinne der Verbrüderung der Völker zur Weltverkehrssprache zu machen, zur zweiten Sprache nebst der Muttersprache für jedermann in der Welt. St.

# Aus aller Welt.

Esperanto-Kongresse:

19. Esperanto-Weltkongreß, Danzig, 28. VII. bis 4. VIII. 1927. Ein schönes Plakat, Format 64:96 cm, das in den Schaufenstern von A. Herzmansky, VI., Mariahilferstr. 26 und Geschäftsräumen des Norddeutschen Lloyd. Wien, I., Kärntner-Ring, zu sehen ist, ladet in Esperanto zum Besuche des Kongresses ein.

12. Kathol. Esp.-Weltkongreß, Assisi: 4.—10 August.

14. Katalunischer K., Soller, 5.—7. Juni.

Radio und Esperanto.

Die Station Cleveland (U. S. of A.), Welle 272,6, hat am 14. März von Mitternacht bis 2 Uhr früh ein interessantes Programm in Esperanto (kurze Reden, Musikstücke, Nachrichten etc.) als Probeversuch gesendet. „Amerika Eperantisto, Boston."

Esperanto im nahen Orient.

In Persien.

Die Zahl der Esperantisten in Persien nimmt mehr und mehr zu. Es gibt bereits zwei gute Sprachlehren in persischer Sprache; ein „Esperanto-Schlüssel" in Form einer kleinen Broschüre mit dem geringen Gewicht von 10 Gramm, der die ganze Grammatik, das Wurzelwörterbuch und eine Liste der gebräuchlichsten kaufmännischen Wörter enthalten wird, erscheint bald.

Der Welt-Esperanto-Bund (Universala Esperanto-Asocio) hat Vertreter in Teheran, Täbris, Ispahan, Sultanabad, Rescht und Kermandschah.

In Syrien.

Die Schwierigkeit der Sprachen in Syrien läßt die Studenten verschiedener Nationen sich lebhaft für Esperanto interessieren. In der Amerikanischen Universität in Beirut sind soeben drei Esperantoklassen eingerichtet worden unter der Leitung von Lehrern, deren Sprache arabisch, persisch und armenisch ist.

Eine Esperanto-Gruppe in dieser Stadt befindet sich in Gründung.

In der Türkei.

In der Türkei hat Esperanto überall Anhänger. An verschiedenen Plätzen sind Esperanto Gruppen und der Welt-Esperanto-Bund (Universala Esperanto - Asocio) hat Vertreter in den wichtigsten Städten. Kürzlich ist mit amtlicher Genehmigung eine Türkische Esperanto - Gesellschaft gegründet worden.

Die tätigste Gruppe ist die von Konstantinopel unter der Führung des türkischen Ingenieurs Hilmi Djelil Bey. Dr. Ali Fuad Bey, Generalinspektor für das Gesundheitswesen in Konstantinopel, ist ebenfalls ein eifriger Esperanto-Anhänger. I. E. S.

## Beethoven.

La 26. de marto estis cent jaroj, ke unu el la plej eminentaj homoj de ĉiuj tempoj finis en Wien sian vivon, Beethoven.

Skribi pri li mem malnecesas, ĉar en ĉiuj landoj de la mondo oni solenis la datrevenon de la morto de ĉi tiu neforgesebla muzikheroo kaj en ĉiuj lernejoj ankaŭ la infanoj estis informitaj pri li.

Kompreneble unuavice Wien, la urbo, kie kaj en kies najbareco li vivis kaj verkis preskaŭ ĉiujn siajn mondkonatajn komponaĵojn, solenis lin grandstile. Precipe pri tio ni volas raporti.

La kulminacia punkto de la aranĝoj estis la festkunveno en la granda „Musikvereinssaal". 16 ŝtatoj sendis reprezentantojn al Wien, por partopreni tiun ĉi indan solenon, kaj ankaŭ la tuta mondo povis partopreni ĝin, ĉar „Radio-Wien" disaŭdigis la tie faritajn paroladojn kaj la sonojn el verkoj de ĉi tiu geniulo. Ĉeestis liglanda prezidanto d-ro Hainisch kun sia 88 jara patrino Marianne Hainisch, konata pioniro de l' feminismo, la membroj de la registaro, la diplomataro, kardinalo d-ro Piffl. la prezidantoj de „Nationalrat" (parlamento), urbestro Seitz, landestro d-ro Buresch, policprezidanto Schober, reprezentantoj de ĉiuj altlernejoj ktp.

La prezidanto de la Wien-a Centjarsoleno d-ro Guido Adler salutinte la ĉeestantojn diris: Se Franz Grillparzer paroligis ĉe la malfermata tombo de Beethoven la vortojn: „Ni estas kvazaŭ la reprezentantoj de tuta nacio, de la tuta germana popolo", jen estas ni hodiaŭ, cent jarojn post la morto de Beethoven, unuiĝintaj kiel reprezentantoj de preskaŭ ĉiuj kulturnacioj, kiuj amas muzikon kaj kulturas ĝin kiel arton. — Liglanda prezidanto d-ro Hainisch: „. . . Kiu konas la deklivojn de Kahlenberg kaj de Wienerwald, kiujn Beethoven elektis por siaj solecaj promenadoj, tiu scias, ke en ili estas io aparta, kion ni germanoj kutimas esprimi per la vorto „animstato". La muziko estas la plej forta esprimo de nacia spirito; sed ĝi

ankaŭ estas same internacia. Homoj kiel Beethoven ne sole apartenas al Wien kaj al la germana popolo, sed al la tuta homaro."

Post paroladoj de kanceliero d-ro Seipel, ministro por instruaferoj Schmitz kaj urbestro Seitz parolis la delegitoj: Ministro v. Keudell (Germanujo): „ . . . el Aŭstrio estiĝis al la tuta germana popolo Beethoven ĉiama interna posedaĵo, al la tuta mondo travivaĵo de la germana idealismo." — Ambasadoro Washburn (Usono): „ . . . Li estis apostolo de la libereco en la nobla filosofia senco de la vorto." — Ministro Vandervelde (Belgujo): „ . . . Eble la unuan fojon post la terura milito la duondetruita Eŭropo manifestas la fundamentan unuecon de sia kulturo. Ĉi tiuj urbo kaj lando spertis sufiĉe alian gloron. Sed ne ekzistas io pli glorinda ol tio, esti estinta la laŭelekta hejmlando de la eminenta homo, kies memoron ni hodiaŭ solenas." — Instruministro Herriot (Francujo): „ . . . La tombo de eminentaj mortintoj kuŝas en la koroj de la vivantoj. Se ni ĉi tien migradis, ni per tio volas doni esprimon al nia espero, ke ĉi tiuj himnoj de profeto iun tagon estos la amkantoj de interfratiĝinta kaj repaciĝinta homaro." — Brita ambasadoro Viscount Chilston: „ . . . Jam en 1813 London-a filharmonia societo prezentis Beethoven-simfonion kaj la majstro dediĉis en 1822 la Naŭan al ĝi." — Hungara ministro Vas: „ . . . Ni hungaroj opinias, ke estas permesate al ni speciale adori lin, ĉar li ankaŭ vivis kaj verkis sur hungara tero." — Pietro Mascagni (Italio): „Ne la datrevenon de mortotago oni solenas, sed la eternan gloron de homo, artisto, kies genia talento de 150 jaroj superfluegis la mondon per lia dieca kanto. Kiu lin nomis „plej granda parolisto per la muziko", tiu ne eraris. Wien, ja Wien! Neniu urbo povis esti pli inda, glore honori la genion de Beethoven, ol Wien, kiu estis la adoptita hejmlando de tiu Grandulo. Ĉi tie oni komprenis eniĝi en la korsentojn de ĉiuj Italoj, kiuj komencante de la reĝa familio ĝis la plej modesta civitano faras estimegon kaj devocion al la dieca arto de Beethoven." — D-ro van Berestojn (Nederlando): „ . . . En siaj verkoj Beethoven sin turnas al la homa animo. Izolita de la socio pro sia surdeco Beethoven, la granda konsolanto en niaj malserenaj horoj, estiĝis la konfida amiko, kiu repaciĝas nin kun la vivo, eĉ kiam ĝi alportas por ni la malfeliĉojn, kiuj malofte indulgis nian grandan majstron." — Post ministro v. Twardowsky (Polujo) parolis Nona Ottescu (Rumanujo): „ . . . Mi volas fleksi la genuon antaŭ la tombo de tiu, kiu dediĉis sian verkon al la interfratiĝo de la homaro." — Ambasadoro Milovevitsch (S. H. S.) dankis, ke oni donis al la tuta mondo okazon, esprimi al la memoro de Beethoven sindonon kaj dankemon. — Komponisto Doret en la nomo de la svisa registaro: „ . . . mi aŭdis elparoli lian nomon kun estimego en niaj plej malgrandaj vilaĝetoj, sur niaj plej grandaj montoj de simplaj vilaĝanoj kaj montaranoj . . . " — Instruministro d-ro Hozda (Ĉ. S. R.): „ . . . Mi salutas Wien, ke ĝi estas hodiaŭ la centro de la plej noblaj interesoj de la intelektularo de la tuta mondo."

3 festprezentadoj en la ŝtata operejo: „La ruinoj de Athen", festludo kun muziko de Beethoven, muziko al „Egmont" de Goethe kaj „Fidelio".

En la granda salonego de „Konzerthaus" oni prezentis „Missa solemnis" kaj disaŭdigis ĝin per Radio. Krome estis festprezentadoj en diversaj teatroj. La plej grandaj kantunuiĝoj de Wien aranĝis Beethoven-koncertojn ktp., ktp.

Tri steloj sur la artfirmamento, Pablo Casals, Bronislav Hubermann kaj Ignaz Friedmann faris unikan koncerton je honoro de la mortinta majstro.

Krom Wien Tutaŭstrio festis Beethoven, kaj en lernejoj kaj en koncertoj, prezentadoj, paroladoj ktp. Stranga sed des pli kortuŝa soleno okazis en malliberejo por junuloj. 100 gejunuloj atente aŭskultis la biografion de Beethoven kaj poste konatajn artistojn, kiuj ilin kondukis en la regnon de la muziko. Kaj la grizaj muroj de la malliberejo

plivastiĝis; pli bela mondo malfermiĝis al la gejunuloj. La aranĝintoj povis legi en iliaj okuloj sinceran dankon.

Samtempe oni okazigis la ĉijaran muzikhistorian kongreson en Wien. En tiu parolis inter aliaj Romain Rolland jene: „...Mi alportas la ovaciojn de miloj da nekonataj disciploj. Ni ĉiuj rekonas lin, li estas la luma simbolo de la repaciĝo de Eŭropo kaj de la interfratiĝo de l' homaro.“

Nun kelkaj okazintaĵoj el la vivo de Beethoven mem. Li ne estis bona matematikisto, tial li ekzemple multobligis per 7 skribante 7 foje la nombron unu sub la alian kaj nur poste adiciis ilin. Li ankaŭ tre volonte procesis, tre ofte nur pro bagateloj. Konataj estas lia energio kontraŭ la eldonistoj, la precize faritaj kontraktoj, liaj kondiĉoj kontraŭ represo. Kun granda lerteco li varbis abonantojn por siaj novaj verkoj. Ekzemple en 1823 li skribis al Goethe, por ke per ties perado la grandduko de Weimar monoferu 50 dukatojn por lia granda meso. Li ankaŭ aĝiotis kiel multaj komponistoj en tiama tempo. En sia mastruma etato li precizege kalkulis kaj tre ofte li en siaj leteroj al sia amikino Streicher demandis pri bagatelaĵoj, kiel ekz. ĉu la kuirejservistino rajtas pretendi krom 12 kr. (egalas 30 g) por pano ankaŭ matenan bulkon. En la unua tempo de sia restado en Wien li vivis kiel kavaliro. Li lernis danci, sed — li neniam povis danci laŭtakte. Li povis bone vendi siajn verkojn. Pri tio li skribis al sia amiko Amenda: „La bona vendado de miaj verkoj ebligas al mi vivi sen zorgoj.“ Kaj jenaj linioj montras lian bomamon: „Mi postulas, kaj oni pagas ... mi vidas amikon en mizero ... tiam mi nur bezonas verki ion kaj post mallonga tempo mi povas helpi lin.“

Kelkfoje li volis edziĝi, sed li ĉiam malfruiĝis. Ne longe li paciencis, resti en unu loĝejo: pro tio li transloĝiĝis prsk. 30 fojojn. Interese estas, ke li dum provekzerco por la opero „Fidelio“, kiun li je invito de la direkcio de la operejo direktis, subite ekkonis, vidante la ekkonfuziĝantan orkestron, ke li pro sia surdeco ne povas daŭrigi la direktadon. Iam Beethvoven venis enpense dum promenado de Baden al Wr.-Neustadt en tiel malzorga eksteraĵo — sen ĉapelo kaj dokumentoj — ke oni lin arestis.

Li vivis en bona financa stato kaj heredigis sian nevon krom mebloj, arĝenta servico ktp. ankaŭ 10.000 guldenojn, granda sumo por komponisto en tiama tempo. St.

## Ministro Herriot por Esperanto.

Franca instruministro Herriot venis al Wien por ĉeesti la solenon por Beethoven. Laŭfame Herriot estas amiko al E. jam pro tio, ĉar ĝi povas kunhelpi, fine atingi pacon en Eŭropo.

Ĉi tiun ŝancon nia konata propagandisto R. M. Frey ekkaptis, atendis la alvenintan ministron en la stacidomo kaj salutis lin en la nomo de la „E.-organizo de la ofic-havantoj de la urbo Wien“, kies fondinto Frey estas. La sekvintan tagon la ministro lin akceptis en la franca ambasadorejo. Frey transdonis la broŝuron pri la aŭstria ŝtata ekzamenkomisiono, verkita de ties direktoro, landa lerneja inspektoro Hofrat d-ro F. Wollmann. La ministro montris grandan intereson pri la verketo.

Ni esperas, ke niaj francaj samideanoj eluzos ĉi tiun avantaĝon!

## Wachauer Künstlerbund.

„Wachauer Künstlerbund“ (Asocio de vaĥaŭ-aj artistoj), fame konata al la plimulto da turistaro per siaj someraj ekspozicioj en Dürnstein (elp. Dirnŝtajn), aranĝis de la 5. ĝis 13. marto en Krems (Landstr. 5) je memoro de ĝia fondinta membro, pentristo Hauptmann, belan ekspozicion de liaj verkoj.

Hauptmann naskita en Karlsbad frekventis la gimnazion en Krems. Lia unua desegna instruisto estis Gause. En 1915 li komencis ştudi en artakademio en Wien ĉe Jettmar, poste en la majstra lernejo de Jungwirt. Liaj multnombraj gra-

fikaĵoj kaj pentraĵoj montras, ke la artisto iris propran vojon.

La vizitintoj de la ekspozicio certe havis la impreson, ke la ne cedema morto forrabis la 5. dec. 1926 troege frue artistan geniulon — li estis 32 jara —, kiu estis kapabla donaci al ni ankoraŭ multajn altvalorajn artverkojn.

Toni Brenek-Stein.

## La manuskriptoj estas resendataj . . .

Kiam la ĉinaj ĵurnalistoj ne akceptas artikolon, ili bone scias mildigi la akrecon de la rifuzo per metaforoj ege agrablaj, kiel oni povas juĝi laŭ la jena ekzemplo:

„Glora frato de la suno kaj de la luno! Rigardu cian servanton, kiu sin ĵetas je ciaj piedoj, kiu kisas la teron antaŭ ci kaj petas de cia gracia persono la permeson paroli kaj vivi. Ni tralegis kun plezurego cian manuskripton. Per la ostoj de niaj prapatroj ni ĵuras, ke neniam ni trovis similan ĉefverkon. Se ni enpresus ĝin, Lia Imperiestra Moŝto ordonus, ke ni rigardu ĝin kiel modelon, kaj ke ni ne enpresu ion, kio ne estus egala je ĝi. Ĉar tio ne estos ebla antaŭ dek mil jaroj, ni resendas al ci cian manuskripton, tremante kaj petante de ci dek mil pardonojn. Vidu, mia kapo kuŝas je ciaj piedoj kaj mi estas la servanto de cia servisto.“

Oni ne povas esti pli ĝentila, kaj ĉiufoje, kiam ili rifuzas artikolon, la ĉinaj gazetoj certe faras al si novan amikon. El „La Movado“-Paris.

**Riga Esperanto Societo** solenis la 16. marto la 15. datrevenon de sia fondo.

Ni ricevis la inviton partopreni. Dankon kaj gratulon!

### Hungara fremdulafera studentkomisiono ekuzis Esperanton.

H. F. S., starigita de ĉiuj studentkorporacioj en Hungarlando, registare registrita kaj finance subtenata, aranĝis en la lastaj 4 jaroj 150 studvojaĝojn eksterlanden kaj akceptis 97foje alilandajn karavanojn kun prks. 4500 gestudentoj. Ĝi ankaŭ reprezentas ĉe konferencoj de gestudentoj la hungarajn universitatanojn.

Pro praktikaj celoj H. F. S. enkondukis nun E.-on kaj starigis E.-referaton, kies gvidanto Pechan nun invitas ĉiujn studentojn, studentunuiĝojn kaj ĉiun esp.-iston al amika kunhelpo je organizo de tutmonda interrilatiĝo.

H. F. S. ankaŭ aranĝis E.-kurson por studentoj dumsomere alilanden vojaĝantaj. Skribu al: Esp.-referato de Hungara Fremdulafera Studentkomisiono, Budapest, 4. Muzeum körut 41. félem.

**Alvoko al verkemaj esperantistoj!**

Por aperonta literatura E.-informilo ĉiulandaj samideanoj, kapablaj verki aŭ traduki diverstemajn artikolojn pri literaturo, tekniko, sciencoj kaj aliaj temoj, bonvolu sin anonci al L. Dederichs, Sallstr. 124, Hannover.

**Granda internacia legolibro,** kompilita kaj eldonita de J. Bednař, aperos dum junio en bela presaranĝo kun multaj ilustraĵoj, 300–350 pĝ., 24 : 16. Ĝi prezentos elekton de pli ol 100 atentostreĉaj noveloj, rakontoj kaj historietoj de la plej famaj verkistoj, tradukitaj kaj devenantaj el pli ol 70 lingvoj kaj landoj.

Ĝi estos nur presata en limigita kvanto. tial antaŭmendu ĉe ni ĝis plej malfrue 30. majo 1927. Prezo sv. fr. 10.— afrankite, post la 30. majo sv. fr. 15.—.

## Dancoj.

Christine Siedl-Wien.

En ĉambrego heleta
Knabina florar',
Vestaĵet' laŭsoneta,
Orplekta la har',
Melodioj de Strauß,
Feliĉiga la sfer',
Ekflamiĝo en koroj,
De l' am' la fajrer'!
Valsronda sinturno
Malnova bonmor',
Regad' de naiva
Plengaja humor'.

*

Luksego, brilego
Glateco de l' fond',
„Two-step“-as, „Cake Walk“-as
„Charleston“-as la mond'.
La knabin' laŭvirkapa,
Sen estim' la junul',
Elrigardas trosato
El ĉiu angul'.
Andanta la cerb'
Kaj sagaca la vort',
Sed malvarmo, malpleno
De l' koro — la sort'.

# 7. österreichischer Esperanto-Kongreß in Wien

## 4. bis 6. Juni 1927.

## Esperanto-Ausstellung in Wien, 27. Mai bis 18. Juni.

Den Ehrenschutz hat der Polizeipräsident von Wien,
Bundeskanzler a. D. Dr. Johann Schober, übernommen.



Wien, Neue Hofburg, in deren Festsaal die feierliche Eröffnung des Kongresses stattfinden soll.

Wir veranstalten vom 27. Mai bis 18. Juni, also auch während der von der „Verkehrskommission für die Bundesländer Wien und Niederösterreich“ in großzügigster Weise geplanten „Festwochen“ (5. bis 19. Juni) eine große Esperanto-Ausstellung in Wien. Für diesen Zweck hat uns das Warenhaus A. Herzmansky, VII., Mariahilferstraße 26, in bereitwilligster Weise kostenlos den 2. Stock im Hauptgebäude zur Verfügung gestellt. Zum Besuche der Ausstellung, die jedermann kostenlos zugänglich ist (auch freie Liftbenützung), werden wir alle Behörden, größeren Verbände usw. schriftlich einladen. An die große Allgemeinheit ergeht die Einladung in den Tagesblättern durch einen entsprechenden Hinweis in den Annoncen der Firma Herzmansky und sonstigen Notizen. Ferner werden wir an das Unterrichtsministerium und den Stadtschulrat in Wien mit dem Ersuchen herantreten, daß die Schulen (Mittel- und Bürgerschulen, beziehungsweise Handelsschulen) durch Rundschreiben zum Besuche der Ausstellung aufgefordert werden.

Kongreß und Ausstellung sind auch in das offizielle Programm der „Festwochen“ aufgenommen worden. Anläßlich des vom Leiter des Bundespressedienstes, a. o. Gesandten und bev. Ministers Ludwig veranstalteten Presseempfanges am 8. April 1927 im Hotel Imperial mit dem Thema „Die Festwochen“, bei welchem die Vertreter der ganzen In- und Auslandspresse (auch des „Aŭstria Esperantisto“) anwesend waren, wurde vom Sekretär Kronfeld im Rahmen des Programmes der Festwochen auch der Esperantoveranstaltungen Erwähnung getan. Dem Presseleiter der Wiener Messe, Herrn Dr. Wilh. A. Bauer, gebührt hierfür unser Dank.

Die Kongreßkarten werden in den nächsten Tagen den Angemeldeten zugehen.

Wir haben auch schöne Ansichtskarten mit folgendem Wortlaut drucken lassen: Wien, Neue Hofburg. — Kongresejo de la VII-a Aŭstria Esperanto-Kongreso, Wien, 4.—6. junio 1927. Die Karten werden zu 10 Stück zum Preise vom S 1·— und 10 g für Porto auf Bestellung zugesendet.

Anmeldungen zum Kongreß werden jederzeit entgegengenommen (Beitrag S 2·—, für Arbeitslose und Studenten S 1·—). Es empfiehlt sich, dies bald zu tun! Sie erleichtern uns dadurch die Arbeit! Kursleiter und Lehrer für Esperanto, meldet Eure Schüler an!

Wer Unterkunft in Wien benötigt, gebe seine Wünsche umgehend bekannt und sende als Angabe für die Kosten der Unterkunft S 5.— ein. Bedenket, daß wegen der Festwochen in der letzten Zeit vor dem Kongresse Zimmer nur sehr schwer zu haben sein werden!

Für die Ausstellung mögen die Wiener Vereine und Einzelpersonen ihr Esperantomaterial gütigst zur Verfügung stellen, und zwar Bücher, Städteführer, Messe- und

kaufmännische Reklame, Bilder von Kongressen und Kursen, Ansichtskarten u. dgl. Die Pakete mögen schon jetzt von Montag bis Freitag in der Zeit von 17—19 Uhr im Sekretariat der E.-Vereinigung der städtischen Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, Hof, 3. Stiege, 2. Stock mit Verzeichnis in doppelter Ausfertigung übergeben werden. Die Übernahme wird dort bestätigt. Auf jedem Stücke wolle der Name des Besitzers ersichtlich gemacht werden.

Bei Lösung eines Gutscheines für die Festwochen (Preis S 20.—) genießen Sie folgende Begünstigungen: 25% Fahrpreisbegünstigung, freie Besichtigung einer großen Anzahl von Sehenswürdigkeiten, freie Fahrt für einen Ausflug in die Umgebung Wiens, Festabzeichen. Auskünfte betreffs der Festwochen erteilt „Verkehrskommission Wien, VII., Messepalast".

Adresse für Kongreß- und Ausstellungsangelegenheiten: Oberinspektor Steiner, Bisamberg bei Wien. (Rückporto beilegen.)

Der Vorsitzende des Lokal-Kongreß-Ausschusses:
Steiner.





## 62a kunsido de E. D. W.

la 2. aprilo 1927.

La ĝisnuna prezidanto R. Čech pro privataj kaŭzoj rezignis. Provizore gvidas la aferojn ĝis la novelektoj s-ano E. Werner; s-ro Klein — sekr. kas. — Pri la aranĝoj por la Aŭstria E.-kongreso raportis LKK.-prez. Steiner. — Propono, inviti al E. D. W. la reprezentantojn de internaciaj E.-organizaĵoj estas decidota en la sekvonta kunsido. — Ne ĉiuj grupoj pagis la kotizojn (po delegitrajto S 2·—). Bonvolu tuj enpagi ĝin!

A. Klein, sekr. kas. — E. Werner, prov. afergvidanto.

## PROPRAJ RAPORTOJ DE „A. E."

**Gamlitz** (suda Stirio): Pastro Jos. Schmidt gvidas kurson en la knabina lernejo de la Kompatemaj Fratinoj de St. Vincento d. P. Partoprenas 8 lern. (burĝlerneja kurso) kaj 6 instr.-fratinoj kaj 2 aliaj instruistinoj.

**Graz.** La komerclernejo Horneck, Graz, Bürgerg. 4, envicigis E.-on en sian instruplanon. (Rap. Rogler.)

**St. Margarethen b. Lebring.** La kurso (iniciita de s-ro Maly), kiu komenciĝis kun 15 ptp., finiĝis kun 21 per malgranda festo, dum kiu s-ro Maly ornamis la kursgvid. Kotaĉka kaj la direktoron de la tiea burĝlernejo per E.-steloj. Post salutvortoj en la nomo de la E.-soc. p. St., Graz, s-ro Maly anoncis kurson por progresintoj, kiu komenciĝis la 12. marto (Rap. Rogler).

**Steyr.** Kurso de f-ino Cipera finita. Bona fotografaĵo, alsendita al ni, montras la gekursanojn, kiuj finfrekventis (23 el 28).

**Wien. „Soc. Danubio"** okazigis 21. III. imponan Beethoven-solenon. Prez. Čech. malfermis per enkondukaj vortoj la festvesperon, menciante, ke por ni esperantistoj estas ne nur devo, sed vere ankaŭ korbezono feste soleni la 100jaran datrevenon de l' morto de l' fama muzika geniulo. S-ro Vasta donis per bonege kompilita lumbildparolado impresan bildon pri la vivo kaj la verkoj de Beethoven. Prezentis F-ino Lebeda „Rondon por fortepiano op. 51, n-ro 1 de Beethoven kaj s-ro Wassileff, fortepiane akompanate de f-ino Schicketanz, la Beethoven-kantojn: „La gloro de dio" kaj „Peti". Entuziasma aplaŭdo honorigis ilian efikan prezentadon. Poste sekvis: Kordkvarteto op. 18, n-ro 5, A-Dur, ludita de s-roj: Rutschka, W. kaj K. Smetana kaj Klika, kiu lasta meritas pro la majstra ludo apartan mencion.

**„Katolika Unuiĝo E."** (Wien-KUE). Bonege vizitata ĝen. kunv. la 6 III. Elektoj: Prez. — Prioro P. Wolfgang Nedwid O. S. B.; vicprez. — Chiba, Schiebl, s-ino v. Kubin; kas. — kons. Linser. f-ino Loitzenbauer; sekr. — f-inoj Tomaschek, Mildschuh; komitatanoj — P. Plank, d-ro Walka, Grindl, s-ino d-ro Flasch, f-inoj K. Mayrleb, Dittrich, Winkelhofer, Pibus.

**„Unua E.-Unuiĝo en Wien"** havis la 11. febr. sian 24. ĝen. kunvenon. Nova estraro: Ges-roj maj. Sinner-prez., Angela Ulrich-vicprez., inĝ. Sinek-sekr., L. Siedl-kas., Emma Raff kaj Ferd. Fantello-bibl., Hermine Schweitzer kaj Berta

Subert-arĥ. — **„E.-grupo de Naturamikoj“**: Parolado 17. V. prof. d-ro Jokl „La tuta mondo nia hejmo“; ekskursoj: 24. IV. Windischhütte, 8. V. Migrado; vizitadoj: 8. V. Milchindustrie A.-G.; 17. V. Universitäts-Sternwarte.

**Wr.-Neustadt.** ALLE.-grupo finis du sukcesajn kursojn. Jarplenkunveno okazis la 18. marto. Novelektoj: Gustav Schmid — estro, f-ino Gruber — kas., Benzien Kurt-koresp. Oni decidis, resti abonanto de AE. Grupadr. G. Schmid, Wöllersdorferstr. 45.

**Esperantofestvespero** en la monaĥinejo St. Ursula, Wien XVIII., aranĝita de monaĥino M. Aloysia, kunvenigis aregon da gastoj en la granda festsalonego. D-ro Walka parolis pri „Praktika flanko de E.“, dir. Smital pri „Popolinterpaciĝo per komuna interkomprenilo E.“. P. Mestan diris en sia parolado, ke la eklezio ĉiam favoris kaj favoros E. kiel kulturilon. Okazis kantoj, recitaĵoj, rondodanco kun kanto, „Schubert“-meso. Inter la ĉeestantaro estis ankaŭ lerneja inspektoro Wolf.

## Esperanto-Gottesdienst in der Minoritenkirche.

17. April 1927, 10 Uhr, mit Predigt.

**Esperantistaj studentoj** estas petataj, sciigi siajn nomojn kaj adresojn al Wiener Akad. Esp.-Verein, I. Universität.

†

Krones Viktor, ĉefrevidento de öst. B. B.

## Rimarkindaj Presaĵoj.

### El la eldonejoj:

**Ellersiek & Borel-Berlin:**

**Prof. Dr. Göhl, Esperanto durch Sprechen,** 1. Teil, Einführung in Sprachlehre und Wortbildung. Deutsche E.-Bücherei Nr. 12. 84 paĝa.

Post Möbusz venas nun ankaŭ Göhl, kiu same forlasas la malnovan metodon de tradukado el la nacia lingvo kaj rekomendas, ke oni instruu E.-on laŭ la „parola“ metodo. En la antaŭparolo li promesas la aperigon de la dua parto, per kiu oni devas pliprofundigi la en la unua parto ellernitan. Kial? La gramatiko kaj vortfarado en E. estas tiel facilaj, ke oni senbezone ne plilongigu ilin laŭ modeloj por malfacilaj lingvoj. Ankaŭ la tro baldaŭa uzado de vortaroj, rekomendita jam sur la 32a paĝo, ne helpas la parolkapablon, ĉar la lernanto pensas tiam ĉiam nacilingve. La enhavo kaj la partigo estas verkitaj kun granda precizeco kaj zorgemo, kvankam la vortfarado kaj ties ŝlosilo estas tute sendependaj de la enhavo de la 18 duhoraj lecionoj. Bona rekomendinda lernolibro. Schamanek-Tullnerbach.

La dua parto aperos fine de aprilo. La red.

**Esp. Centra Librejo-Paris:**

**Oficiala klasika libro de E.** (Itala, hispana kaj portug. parto), eld. de Esp.-Akademio.

Ni povas ĝoji, ke la fundamenta vortaro de E. aperis nun ankaŭ ne nur en la itala, sed ankaŭ en la hispana kaj portugala lingvoj, per kio la E.-propagando en la latina Ameriko estas forte akcelata. Kaj ni esperas, ke la E.-Akademio daŭrigos en tiu direkto sian laboron precipe per pluaj eldonoj en aziaj lingvoj, kie nun nia movado havas la plej bonajn evolueblecojn. D-ro Pfeffer.

**Heroldo de Esperanto-Horrem:**

**Taglibro de Vilaĝ-pedelo,** de St. St. Blicher. Trad. H. J. Bulthuis. Rekom de E. L. A. 1922. „Blicher, la dana verkisto verkis en 1824 romanon de granda morala kvalito kaj bezonis nur 40 paĝojn por efektivigi tiun mirindaĵon“. Ĉi tiu romano estas skribita en koncizaj ĉapitroj de taglibro, ampleksanta kvardekjarajn vivspertojn de viro dum sia servado en diversaj lokoj. Efektive estas la taglibro respeguligo de diversaj interesaj karakteroj kaj okazaĵoj, kiuj sendube povas tre impresi la leganton. La stilo estas ĝenerale bonega. Nur kelkaj superfluaj vortfaradoj estas eviteblaj, ekz. instruaĵo (anst. instruo), petolemeco (anst. petolemo) ktp. (Vidu: Principo de neceso de Saussure!) Ankaŭ la uzado de nekondiĉaj verboformoj post „kvazaŭ“ ne estas tute korekta. Sur la lastaj du paĝoj troviĝas bonaj „Maksimoj kaj Pensoj“ de Markizo de Maricá. La libreto estas tre rekomendinda al ĉiu. Sós.

**Hirt & Sohn-Leipzig:**

**Servokapabla! — Markus Tybout** de Georges Eckhoud. El flandra (franca) lingvo trad. Leon Bergier. Int. Mondlit. vol. 20.

Por ĉi du noveloj nia juna belga samideano konatigas al li unu el la plej eminentaj verkistoj de sia lando, kiu skizas siajn rolulojn el la popolana medio per la energiaj strekoj de A. Dürer kaj skulptas ilin plastike laŭ la maniero de A. Rodin, ke ili aperas preskaŭ palpeblaj antaŭ ni. La ekstreme naturalisma eĉ iom erotika enhavo de ambaŭ rakontoj certe ne estas legaĵo por maturiĝantaj knabinoj, sed ĝi prezentas sin en deca lingva vesto, tute ne vulgara aŭ lasciva. La traduko estas ĉiurilate ne riproĉinda kaj redonas fidele la karakterizajn proprecojn de la originala verko. Fine ni ne malmenciu la koncizan sed trafan antaŭparolon de Otto Stöber, per kiu li amike desegnas la simpatiajn portretojn de la aŭtoro kaj de la tradukinto. Fr. Zwach-Wien.

**Rud. Mosse-Berlin:**

**La Sonĝo de Makaro, kristnaska rakonto** de V. Korolenko; el la rusa tradukis M. Ŝidlovskaja. Bibl Tutm. N. 9.

Iam mem ekzilite en Siberio la aŭtoro el propra sperto povas reliefigi la mizeran vivadon de malriĉa vilaĝano Makaro en Nordsiberio, kies vivkondiĉoj igas pardoneblaj drink-

adon, eĉ trompon, ĉar la fatalo senkulpigas la bedaŭrindulon. Vizio en sonĝo de Makaro estas la poezia formo, per kiu la noblanima aŭtoro tion konfesas al ni. Alloga, vere modela stilo. Mi deziras, ke ĉiuj volumetoj de tiu biblioteko ravu per tia senerara lingvo! En antaŭparolo mi trovis en la frazo, kiu iel aludas la kernon de l' rakonto, la solan lingvan malĝustaĵon de la tuta traduko: „...ĉiu homa animo havas en si dian fajreron, estu ĝi kaŝata sub kia ajn dika krusto de malbonaĵoj ..." (= eĉ se ĝi estas kaŝata).

Dr. Blaas-Innsbruck.

Jus aperis la 10. kajero, per kiu la unua serio de Bibl. Tutmonda finiĝis. La dua serio, kies unua kajero baldaŭ elvenos, ampleksas: Penndorf, El Grekaj Papirusoj. Originalo; La Aventuroj de Munchhausen, El la Angla trad. Applebaum; Puŝkin, Kapitan-filino. El la Rusa trad. Ŝidlovskaja; Collinson, La Homa Lingvo. Originalo; Karĉak, Rakontoj Bonhumoraj. El la Pola trad. Weinstein; Babits, La Cikoni-Kalifo. El la Hungara trad. Badó.

La prezo por la dua serio estas la sama kiel por la unua Rm. 4·—. Por plenumi multe esprimitan deziron, oni disvendas ankaŭ unuopajn librojn po Rm. 0·50.

**A. Paolet, S. Vito al Tagliamento:**

**La Padova Lilio,** mallonga biografio de Sankta Antono el Padova. Pli ol 100 paĝoj kun multaj bildoj. 5 Liroj.

Tiu ĉi libreto kompilita de Prof. P. Modesto Carolfi estas interesa pliriĉigo de nia literaturo. Populare skribita per simpla stilo, ĝi pritraktas la vivon de vere eksterordinara homo kaj montras tipan bildon de mezepoka kulturo. Ne nur al katolikoj ĝi estos bonvena, sed certe ankaŭ multajn aliajn interesos tiu ĉi modela bildo de katolika sanktulo, kiu, plene dediĉante sin al religiaj pensoj kaj sentoj, estis la naturon faranta multajn ne klarigeblajn miraklojn. La forta interna konvinko faris lian langon elokventega kaj lia profunda modesteco pligrandigis lian influon al la samtempuloj. La arto diversmaniere eternigis tiun ĉi viron kaj estas tre laŭdinde, ke sufiĉe da specimenoj estas aldonitaj. Mi nur bedaŭras, ke la kopioj ne estas pli perfektaj je presteknika vidpunkto. Ankaŭ la teksto ne estas sen malperfektaĵoj kaj preseraroj. La germanaj eldonaĵoj estas ĝenerale pli perfektaj sed ankaŭ — pli multekostaj.

D-ro F. Christanell-Salzburg.

**Paulusverlag-Graz.**

**Katolika preĝlibro de Prof. P. M. Carolfi.** 8×12, paĝ. 160, broŝ. S 1·50, bind. Ŝ 2.—.

Tre rekomendinda preĝlibreto por ĉiuj katolikoj, kiuj, en siaj diversaj animbezonoj emas preĝi ĉiutage en Esperanto. Ĝi estas bonstile verkita, sufiĉe riĉenhava kaj de tre oportuna formo. La tie uzataj tekstoj kaj terminoj estas nur provizoraj, same kiel tiuj de la Esperanto-Preĝareto de Pro Mestan, kiu, entenante nur la ĉefajn preĝojn, celas unuecon de komuna preĝado dum internaciaj kunvenoj kaj kongresoj de katolikaj esperantistoj.

P. Mestan-Wien.

**Sennacieca Asocio Tutm.-Paris.**

**Sekspsikologio** de Siegfried Ziegler. Biblioteko de Sennaciulo n-o 4. 1926. — Seksa psikologio okupas sin per ĉiuj animaj procedoj interrilatantaj kun la seksa vivo. En ĉi tiu interrilato temas pri reciproka influo de la anima vivo al la seksa kaj de la seksa al la anima. La malnova teorio, laŭ kiu la seksa vivo komenciĝas en la periodo de maturiĝo, ne plu validas, de kiam la fama sciencisto Freud-Wien, elpensinto de la psikoanalizo, kreis la tezon, ke seksaj fenomenoj ekzistas jam ĉe suĉinfanoj kaj daŭras ĝis alta aĝo. La pure scienca, kuracistojn kaj edukantojn interesanta, temo estas de la aŭtoro sisteme pritraktata, la originala Esp.-stilo estas ĝenerale bona. Kritikinda estas nur la uzo de „ĉi" antaŭ substantivoj, k. e. „ĉi-malforteco", „ĉi-interrilatoj", „ĉi-tempo" ktp., „Harmoniĝas" (s. p. 17. anst.: harmoniiĝas) estas verŝajne nur preseraro. La vorto „sekspsikologio" (ksps) ne estas tre agrabla. Kial ne „seksa psikologio"? Cetere tre leginda verketo. Je la fino de la libreto troviĝas „Komentaro" kaj kelkaj fakaj terminoj kun klarigo.

D-ro Sós.

**Aliaj:**

**Dekoka Univ. Kongreso de E.:** I.C.K. ĵus eldonis la „Esp. dokumentaron pri la oficialaj, historiaj, bibliografiaj kaj statistikaj aferoj de l' pasinta kongreso". 88 pĝ. kun tre interesa enhavo. Havebla ĉe I. C. K., 12 Bd. du Theatre, Genève. Prezo 2 svis. Fr.

Jaume Graŭ Casas, L. K., **Amaj Poemoj** 1924, **Novaj Amaj Poemoj** 1927. Propra eldono: Barcelona, Claris 72; po 1 peseto.

Kelkiuj eble diros, ke la amo estas afero tute privata kaj pure individua, kiu koncernas nur la amanton mem aŭ maksimume ankoraŭ la amatan objekton, sed neniel povas interesi la ceteran mondon. Ili ne konscias aŭ eble jam forgesis, ke la amo estas la origina ĝermigilo de la poezio, precipe de la poezio lirika kaj, ke ĉiuj gentoj kaj nacioj, eĉ la plej primitivaj, dankas sian trezoron da ravaj popolkantoj al ĉi tiu dia sento, kiu regis la mondon de la pratempoj kaj ĝin regos eterne. El ĉi tiu vidpunkto ni konsideru kaj prijuĝu la du kajeretojn da amaj poemoj, grandparte originalaj, kiujn prezentas al ni la eminenta samideano Jaume Graŭ Casas. Ili estas bonaj, ĉarmaj kaj kortuŝaj. Iu supersevera prozodisto eble trovos, ke la ritmo kelkloke ne estas sufiĉe glata, ĉar en iu aŭ alia strofo alternas jamboj kun troĥeoj — kio cetere per malgranda ŝanĝo en la sinsekvo de la vortoj estus facile evitebla — sed, ĉu la esenco de la poezia verkado konsistas en la sklava obeo al la rigidaj formoj de la prozodio? La ĉefaĵo estas, ke la poemo superfontiĝu el la plena koro de l' poeto kaj veku

simpatian eĥon en la koro de la leganto. Kiel diras „La Kantisto“ de Goethe?

„Mi kantas kiel kantas fring'
En la densej' arbara;
La kant' venante el laring':
Jen rekompenc' plej kara.
— — — — — — — — —“

Laŭ tiu ekzemplo kantas Graŭ Casas.
Franz Zwach-Wien.

**La problemo de la lingvo internacia.** Originalo de Medeiros e Albuquerque, trad. d-ro Nuno Baena; eldon. „Brazila Ligo Esperantista“, Praca 15 de Novembro, 101, Rio de Janeiro. Broŝ., 24 pĝ, 18·3×13·5 cm, 1925 ĉe Paŭlo, Pongetti & Ko.

Kiuj estas la s-roj aŭtoro kaj tradukinto? La unua unu el la plej unuaj E.-pioniroj en Brazilio, en 1895 diskoniginta la lingvon per bonega artikolo. „Al li oni ŝuldas, ke E. estas rekonita kiel klara lingvo en la Nacia Telegrafo, en 1906.“ Akademia instruisto, prezidinto de la Brazila Literatura Akademio, princo de la brazilaj ĵurnalistoj. La dua: marmilita kuracisto, vera fundamentisto, fondinto de kvar E.-kluboj, aŭtoro de „Ama stelaro“, pseŭdonime konata kiel „Forgesito“. Enhavo de l' broŝuro tre interesa, sprite polemika, kvankam propagande ne plu aktuala; stilo esp.-a tre interesa. Walter Smital-Wien.

**Nova Afriko** de Th. Monnens S. J., eld. de la Soc. Sankta Miĥaelo, 23 pĝ. interesa broŝuro, trafe esp.-igita de Floriano, aperis ĉe Espero Katolika, Paris; prezo fr. fr. 1·50.

Afriko unue geografie estas priskribita; sekvas la danĝeroj de la „malbenita tero de Ham“. Portugalujo aĉetis sklavojn el Afriko. Aliaj landoj sekvis. La sklavokomerco kostis al Afriko cent milionojn da ĝiaj anoj. La misiistoj katolikaj kaj protestantaj ofereme laboras, sed la Islamo konkuras. Interesaj statistikoj indikas, ke la misia agado en Nova Afriko devos ankoraŭ multon toleri.
d-ro Flasch-Wien.

**Fr. Schoofs,** Leerboekje van de internationale hulptaal Esperanto. Belga Esp.-instituto. Antwerpen 1926.

Tiu ĉi 32-paĝa broŝuro estas enkonduka lernlibreto kun jena strukturo: 1. Resumo de la lingvo: Elparolado, ĉefelementoj de la gramatiko kaj la afiksaro. 2. 9 lecionetoj traktantaj la tutan gramatikon (nur la tabelo pri la korelativoj mankas) kaj la vortfaradon. La Esp.-tekstoj temas pri la problemo de lingvo internacia kaj ĝia solvo per Esp. 3. Vortareto Esp.-Nederlanda enhavanta la (ĉ. 600) vortojn uzitajn en la broŝuro.

Aldone estas Esp.-societoj, U. E. A., gazetoj kaj libroj rekomenditaj. Entute aranĝo lerta laŭ vidpunkto propaganda.
E. Werner, Wien.

**„Internacia infanaro“** („Verda steleto“), de V. Seriŝeva el Barnaŭl (Sib.), eld. T. Silva en Milano (Ital.); 1926; 79 pĝ.; 24·5 : 17·5 cm; kartonbind. kun kolora kovraĵdesegno, bildo de la aŭtorino, tri muzikaĵoj (kantoj) kaj multaj parte koloraj ilustraĵoj.

Kuraĝa, tre laŭdinda provo, krei E.-fiblon por unua E.-instruo al infanoj. Vi tuj sentas la amon, el kiu ĝi kreiĝis. La bildoj laŭinfanaj certe plaĉos al tre junaj gelernantoj. Iom dube tamen restas, ĉu por tiaj la prezentmaniero de la lingva materio ne estas tro malsimpla.

Gravaj malkorektaĵoj, mankoj kaj multaj preseraroj (eĉ ne menciitaj en la „korektilo“!) bedaŭrinde netaŭgigas la libron en ĝia nuna formo por enmanigo al gelernantoj. Sed zorga fajlado facile povus ĝin igi modela lernlibro laŭ ĝia metoda bazo kaj laŭinfana esenco. Tio kuraĝigu la aŭtorinon treege dankindan kaj la oferema eldoniston. Smital-Wien.

**Luksan gvidlibreton** kun 33 belegaj vidaĵoj de la germana urbo Köln apud Rejno, la urbo de la XVI-a Germana Esp.-kongreso dum Pasko, eldonis la tiea Urba Trafika Oficejo (Städt. Verkehrsamt). Mendu ĝin en Esperanto, vi ricevos ĝin senpage!

**Gvidlibreto tra libera urbo Danzig,** eld. de U. E. A. (reklama servo) allogas jam per siaj 15 belaj ilustraĵoj kun urbplano al vizito de ĉi tiu urbo okaze de nia XIX. Informojn pri Danzig donas Danziger Verkehrszentrale, Danzig, Stadtgraben 5. U. E. A. meritas pro tiaj publikigaĵoj nian dankon. Ĝi daŭrigu ĉi tiun vojon!

**Internacia Pedagogia Revuo.** En nova pli bela vesto aperas de januaro la oficiala organo de Tutmonda Asoc. de Geinstruistoj esp. (TAGE), antaŭe „Novaj Tempoj“. Almenaŭ ĉiu instruisto abonu la tre interesan fakjurnalon. Jarabono sv. fr. 3·50. Admin. M. Goldberg, Frohburgerstr. 69 p, Leipzig. S. 3.

**Vegetarano,** ofic. org. de la int. Vegetara Ligo E., depost januaro denove aperas memstare. (Dum 1926 en la kadro de la revuo „Libero“ en Sofio.) Adreso: O. Bünemann, Hamburg-Fu., Alsterkrugchaussee 586.

**L'Araldo Esperantista.** Nova propaganda gazeto por E. - - - sed nur en itala lingvo. Adr. Arezzo (Italujo), Via Vittorio Veneto.

**„Das scharfe Auge“** (La akra okulo), neregule aperanta gazeto por biologia okulkuracarto, resumas ĉiun germanan artikolon ankaŭ en E. Mendu ĉe eld. E Preibisch, Neukölln, Thüringerstr. 31. Prezo po 5 ekz. Rm. 1·—.

**Vortoj de Abdu'l-Bahá** en Esperanto, 16 pĝ. kajereto, mendebla ĉe Bahaj Assembly, Green. Acre, South Eliot, Maine, Ameriko. Sendu poŝtafrankon.

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Radetzkystr. 6/III, Vereinsheim (kunvenejo) „Pastete", Sporgasse 28, Do (ĵ) 20–23 h.

**Innsbruck.**

Arbeiter-Esp.-Klub (Laborista klubo), Südtiroler Platz, Hotel Sonne, Do (ĵ) 20–22 h.
Esperanto-Klub, Gasthof „Goldener Greif", bei der Triumphpforte, Mi (me) 20–22 h.

**Wien.**

Aŭstria Katolika Ligo Esperantista, I., Freyung 6 (Pfarrkanzlei), Mi (me) 17–19 h.
I. Wiener Esp.-Verein, I., Schellinggasse 7, Schellinghof, Fr. (v) 19·30 h.
Aŭstria Pacifista Esp.-Societo, III., Henslergasse 3, Hochparterre; Do (ĵ), 19–21 h.
Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, Di (m) 17–19 h.
„Konkordo", V., Margaretenplatz 4 (Terrassencafé), Do (ĵ) 19–22 h.
Esp. laboristaro kristana de Aŭstrio, VI., Gumpendorferstraße 39, Do (ĵ); XII., Tivoligasse 38, Mo (l); XV., Beingasse 22, Mi (me); XVI., Rückertgasse 9, F (v) je la 19a.
Viena Akademia Unuiĝo Esp., VII., Neubaugasse 25, Café Elsahof, Mo (l) 19–22 h.
Esp.-societo „Danubio", VII., Neubaugasse 25, Café Elsahof, Mo (l) 19–23 h.
Esperanto Bücherstelle d. Freien Esp. Arbeitsgemeinschaft, VII., Lerchenfelderstr. 23; Auskünfte (informoj): Täglich 18–19·30 h.
Esp.-Bildungsverein „Supren", VII., Kaiserstraße 121, Café, Fr (v) 18–21 h.
Bohema Klubo Esperantista, XV., Turnerg. 9, I. et., Narodni dum, Mi (me) 20 h.
Esp.-societo „Fideleco", Währinger Bürgercafé, XVIII., Staudg. 1, Di (m) 16–19 h.
Esp.-soc. „Kulturo", XVIII., Kreuzgasse 34, Café Hildebrand, Do (ĵ) 19·30 h.

## Rekomendindaj firmoj.

**Graz.**

Café = kafejo:
„Post", I. Haring, Neutorgasse.

**Korneuburg.**

Bäckerei = bakejo:
Karl Luegmayer (E), Albrechtstraße 3.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Hugo Steiner, Bisamberg 248.
Presejo: Gesellschafts-Buchdruckerei Brüder Hollinek, Wien III, Steingasse 25.